# Etnismo

N-RO 7 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 15.11.1974

# LA KIMRA DRAKO PAŜAS ANTAŬEN

Balotkampanjo kaj ties rezultoj.



Gwynfor Evans



## NERTH I GYMRU

## Potencon por Kimrio!

"Ni venku la inflacion per kimra registaro". Jen slogano kiun oni aŭdis ofte dum la balotkampanjo antaŭ la 10-a de oktobro 1974. Kimrio – tiel argumentas PLAID CYMRU (Kimra Nacia Partio) – produktas preskaŭ ĉiujn krudmaterialojn uzatajn en la moderna industrio. Kimrio, malgraŭ ĉi tiu avantaĝo, fartas malbone, pro la misfaroj de la fora londona registaro. Kimrio estas malbone regata – konkludas la naciistoj –, kiu ajn londona partio estas ĉe la potenco, kaj do estas same por Kimrio, ĉu Edward Heath aŭ Harold Wilson loĝas en "Downing Street".

La prezidanto de *PLAID CYMRU,* Gwynfor Evans (foto), estros en la nova parlamento en Westminster tre malgrandan frakcion: Nur tri kandidatoj de tiu ĉi partio konkeris seĝon. Krom li, venkis tiuj du ĝis nun solaj parlamentanoj de *PLAID CYMRU,* Dafydd Wigley kaj Dafydd Elis Thomas. Jen la detalaj rezultoj de la tri distriktoj:

| Caernarfon | |
|---|---|
| D. Wigley (PC) | 14.624 |
| E. J. Sherrington (Lab) | 11.730 |
| R. Harvey (Kons) | 4.325 |
| D. Williams (Lib) | 3.690 |
| *PLAID CYMRU*-plimulto | 2.894 |

| Carmarthen/Caerfyrddin | |
|---|---|
| G. Evans (PC) | 23.325 |
| G. G. Jones (Lab) | 19.685 |
| D. R. Owen-Jones (Lib) | 5.393 |
| R. Hayward (Kons) | 2.962 |
| E. B. Jones (Brita kandidato!) | 342 |
| *PLAID CYMRU*-plimulto | 3.640 |

| Merioneth/Meirionnydd | |
|---|---|
| D. E. Thomas (PC) | 9.543 |
| W. H. Edwars (Lab) | 6.951 |
| O. Jones (Lib) | 3.454 |
| R. R. Owen (Kons) | 2.509 |
| *PLAID CYMRU*-plimulto | 2.592 |

Kvankam la reparlamentaniĝo de Gwynfor Evans, respektata homo ankaŭ ekster la vicoj de la naciistoj, pligrandigas la forton de *PLAID CYMRU,* la rezultoj rigarde al la tuta Kimrio provizas malmultan konsolon al tiu ĉi partio. La pligrandigo de la naciista porcio je 0,3% ne kompensas la perdon de 3% en la balotoj de februaro 1974. Denove montriĝis ke en Kimrio mankas tiu fajrero kiu ardigas la skotan naciismon. *PLAID CYMRU* devas adaptiĝi al la fakto ke ĉiuj ĝiaj tri deputitoj reprezentas kamparajn, kimralingvajn elektodistriktojn, kie la insistado pri lingva kaj kultura aparteco pliefikas ol en la industriaj valoj de la sudo.
La balotrezultoj estas tiaj, kvankam *PLAID CYMRU* jam ĉi-foje bazis siajn ĉefajn argumentojn **ne** sur tiu aparteco, sed sur la malproksimeco de la londona registaro, kiu neglektas Kimrion. Ekzemple, la procentaĵo de senlaboreco en Kimrio estas 4,3 kompare al 2,9 por tuta Britio. *PLAID CYMRU* opinias ke propra parlamento por Kimrio povus efektivigi specialan, detalan planon por krei pli multajn kaj pli bonajn postenojn. Tiu kimra parlamento povus konstruigi 25 mil novajn domojn ĉiujare kaj limigi la nombron de feriaj domoj (cetere, tre ŝatata temo). Krome, tiu parlamento devigus la anglajn urbojn Birmingham kaj Liverpool pagi la akvon, kiun ili nun ricevadas preskaŭ senpage.

Sciante ke la tri seĝoj de *PLAID CYMRU* havos misproporcian signifon por la nova Wilson-registaro disponanta pri nur malgrandega absoluta plimulto, la partisekretario de *PLAID CYMRU,* Dafydd Williams, premas la Laboristan Partion tuj doni al Kimrio aŭtentikan memregadon. La "laboristoj" jam promesis al Skotlando parlamenton kun leĝdona povo, sed Kimrion ili volas kontentigi per administra asembleo, kiu – tiel plendas *PLAID CYMRU* – estus plimalpli nur graflanda instanco. Ĉu la skotoj elpremis la promeson pro kaj per siaj 7 deputitoj en la mallonga parlamento? *PLAID CYMRU* esperas similajn efikojn de pli multaj seĝoj.

Kial la lingva kaj kultura problemo ne plu ludis tiel gravan rolon ĉi-oktobre? Ĉar la kimroj komencas rigardi la du-lingvecon en lernejoj kaj aliloke kiel ion naturan. Restas diskutenda la postulo de la kimroj pri propralingva televida kanalo.

## RIGARDO AL SKOTLANDO

En tiuj ĉi balotoj la Skota Nacia Partio (SNP) kaptis kvar seĝojn antaŭe konservativajn, certigis siajn sep seĝojn de la mallonga parlamento kaj disponas, do, nun pri 11 deputitoj. SNP-kandidatoj akiris 800.000 voĉojn, t.e. preskaŭ 30% de ĉiuj donitaj voĉoj. Tiel tiu ĉi partio prezentas sin klare kiel la duan partion en Skotlando. Pro la brita balotsistemo (tiu kandidato estas elektita, kiu ricevas la relativan plimulton de la donitaj voĉoj) SNP okupas nur 11 seĝojn kontraŭ 3 liberaluloj, 16 konservativuloj kaj 41 "laboristoj". Ne ĝustus ne konstati ke SNP malsukcesis fari la esencan trarompon en la industrian okcident-centran Skotlandon. Tamen, d-ro Robert McIntyre, prezidanto de SNP, diris (laŭ "Guardian" de 12.10.1974): "Ni havas fortan kaj kapablan voĉon en Westminster, kaj neniu registaro povos ignori ĉi tion". La SNP-frakcio premas por starigo de skota parlamento en Edinburgo, kiu direktu ankaŭ ekonomiajn aferojn. Ĉu SNP per tiuj ĉi balotoj atingis, kiel tion indikas Willie Ross, "laborista" ŝtatsekretario por Skotlando kaj iuj opini-enketoj, la kulminon de subteno flanke de la balotantoj?

*(Tiu ĉi artikolo estas redaktita surbaze de raportoj verkitaj de Hilary Chapman; la foton de Gwynfor Evans disponebligis PLAID CYMRU pere de HCh.)*

SUPERRIGARDO PRI KELKAJ KONGRESOJ KAJ KONFERENCOJ DE PRINTEMPO ĜIS AŬTUNO

# MINORITATISTOJ 1974

KIMRIO De la 24-a ĝis la 27-a de majo okazis renkontiĝo de Junularo Esperantista Brita en Bangor, norda Kimrio. Oni ĉefe diskutis pri la rilatoj inter minoritataj lingvoj kaj la Internacia Lingvo. La kunveno, kiu estis anoncita kaj raportita de la loka gazetaro kaj de radiostacio, kontribuis al la konsciigo de junaj esperantistoj pri la vasteco de la lingva problemaro. Organizis la renkontiĝon Hilary Chapman.

TRIESTO Post dufoja prokrasto finfine okazis, de la 10-a ĝis 14-a de julio, en tiu ĉi urbo la "Internacia Konferenco pri la Minoritatoj", organizita de la Provinco de Triesto sub ties tre agema prezidanto Michele Zanetti. Partoprenis pli ol 600 personoj el plej diversaj minoritatoj kaj aliaj etnoj. Oni dividiĝis en tri "komisionojn": (1) lingvo, kulturo, edukado, amasmedioj, (2) soci-ekonomiaj problemoj, (3) instituciaj kaj juraj problemoj. La konferenco uzis samrajte la slovenan, italan, serbokroatan, francan, germanan kaj anglan lingvojn. La ĉefa elemento de tiu konferenco estis la pli-malpli senplana vicigo de mallongegaj (6- ĝis 10-minutaj) alparoloj fare de la reprezentantoj de la nenombreblaj grupoj. Eĉ tie montriĝis konfliktoj: Oni ne volis allasi la "Unuiĝon de la Istrianoj" kaj la kurdojn. H. Bakker, kiel reprezentanto de TEJO / KER ĉeestis kaj alparolis la konferencon, disdonis informilojn kaj diskutis kun aro da partoprenantoj. Ekzistas supozo ke denove okazos simila konferenco.

USTARITZ La "Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj" (AIDMLK) okazigis sian dujaran ĉefkunvenon de la 9-a ĝis 11-a de aŭgusto en la nordvaska urbeto Ustaritz (Francio). Partoprenis proksimume 50 delegitoj el jenaj etnoj: katalunoj, slovenoj el Karintio kaj Triesto, romanĉoj de Grizono, alzacanoj, vaskoj, flandroj, valonoj, bretonoj, kalabria greko, germanoj, ĉino el Indonezio, kurdoj, piemontanoj, dano el FRG, k. a. Oni diskutis la evoluon en la diversaj regionoj kaj decidis aron da rezolucioj, oni reelektis pli-malpli la saman estraron, ekskursis iomete por ĉeesti folkloran dancadon, havis akcepton far la urbestro, interparolis kun la prezidanto de FUEEM pri kunlaboro (komencante per komuna bulteno). - Ŝajnas ke AIDMLK ankoraŭ ne havas tre klaran imagon pri racia kongres-organizado, pri efika laborado kaj pri sobra prijuĝo de si mem. Tamen, la redakcio de ETNISMO esperas .....

MÜNSTER Kadre de la 30-a Internacia Junulara Konferenco, de la 3-a ĝis 10-a de aŭgusto disvolviĝis densa programo de la seminario "Lingvo kaj Socio" organizita de TEJO / KER. La ĉefaj subtemoj estis: "Kiel lingvo influas ekonomion?" - "Kiuj politikaj sistemoj donas plej bonajn kondiĉojn por subpremataj grupoj (etnoj, klasoj, sektoj, rasoj ktp.)?" 12 reprezentantoj de neesperantistaj organizoj kaj individuoj kaj 21 esperantistoj sekvis la referaĵojn de Knappert, Bakker, Corsetti, La Torre, Cardona, Kerner, Ĉoliĉ kaj Frank. Jen la ĝenerala konkludo de la seminario:

"... ĉiuj aspektoj de la lingva problemo estas iumaniere kunligitaj, kaj lingvo ne estas io idealisma, kultura, aparta. Lingvoj estas tamen firme kunligitaj kun politikaj sistemoj kaj iliaj principoj, kaj interne de la lando kaj en eksteraj rilatoj. Lingva libereco (la rajto de la homo uzi sian propran lingvon) ne estas apartigebla de politika libereco (la rajto de la homo influi politikan vivon de sia lando)."

La organizintoj planas daŭrigi kaj pliintensigi la tiukampan agadon. Dum la seminario estis videbla la ekspozicio pri "Lingvaj minoritatoj en Eŭropo" unuafoje montrita dum marto 1974 en Eschweiler (FRG).

NANTES. La "Internacia Kelta Kongreso" okazis ĉi-jare de la 13-a ĝis 18-a de aŭgusto en plej sudorienta Bretonio. Inter la pli ol 500 partoprenantoj elstaris la 4 aŭtobusplenoj da kimroj. La ĉefa laboro de la kongresanoj koncernis la prezentadon de la situacio en la bretona, kimra, gaela, manksa, kornvala kaj irlanda lingvo-regionoj. Montriĝis jen kaj jen esenca opini-diferenco inter la adeptoj de la malnova tradiciema kultur-konserva branĉo kaj tiuj de la kultur-politika, popol-konsciiga branĉo. - TEJO-n reprezentis Claude S. Nourmont, kiu ankaŭ intervenis en la diskutoj.

BRIXEN. La 25-a kongreso de la Federacia Unio de Eŭropaj Etnaj Minoritatoj (FUEEM) okazis en suda Tirolo, de la 13-a ĝis 16-a de septembro. La ĉefaj diskuttemoj estis organizaj, ekz. nova ĝenerala sekretario kaj kunlaboro kun AIDMLK. Ĉi-lasta estis reprezentita de Luc Robet (Bretonio).

BRETONIO. Proksime de la urbeto Gourin estis okazonta, meze de oktobro, seminario de la Junulara Komisiono de FUEEM. Ĝis redaktofino nin ne atingis informoj pri ĝi.

LEEUWARDEN. La 18-an de septembro pli ol 120 aktivuloj, politikistoj kaj instruistoj partoprenis konferencon pri "La frisa lingvo en la lernejoj" en la ĉefurbo de la provinco Frislando (Nederlando). Progresemaj studentoj efike kontribuis al la malfermo de la diskuto al la tuta problemaro, kiu etendiĝis de lingvo kaj kulturo ĝis ĝenerala politiko. La ĉeestantoj povis informiĝi ankaŭ pri la starpunkto de la esperantistoj ofertantaj TEJO / KER-broŝurojn.

KOLONJO. La tria programo de la Okcidentgermana (= kolonja) Televido dum junio kaj julio 1974 elsendis 7 duonhorajn erojn pri selektitaj minoritatoj en Eŭropo. Post la enkonduka diskutado oni prezentis scenojn el norda Frislando, Kimrio, Flandrio, suda Tirolo, Vaskio kaj Macedonio (turkoj). Kvankam estas ege laŭdinde ke oni dediĉis tiel relative multan tempon al tiu problemaro (kutime iom ekster la germana horizonto), tamen la maniero de efektivigo estas longe kritikenda: tro da pejzaĝaj fotoj, limigo al unu urbeto / vilaĝo, konversaciado en la koncernata lingvo kun la mizeraj traduklinioj, nesufiĉeco de faktoj pri la nuna situacio ktp. ktp.

+ + + + + +

# SKIZE PRI
# LA SVEDOJ EN SUOMIO

Suomio apartenis al Svedio de 1150 ĝis 1809 sekve de krucmilitoj, per kiuj la svedoj kristanigis la suomojn kaj konkeris la landon. De la 12-a ĝis la 14-a jarcentoj transmigris svedoj al Suomio kaj loĝiĝis sur la apudmaraj terenoj, kiujn la suomoj, preferantaj la sekuran internan landon, ĝis tiam evitis. De ĉi tiuj transmigrintoj devenas la sveda plebo (terkulturistoj kaj fiŝistoj) en Suomio. Estas atentinde ke la Alandaj insuloj havas svedan loĝantaron jam ekde la 5-a jarcento.

Transmigris al Suomio ankaŭ svedaj nobeloj kaj kleruloj, militistoj kaj oficistoj por prizorgi diversajn taskojn de administracio ktp. Ĉi tiuj generis la svedlingvan superan klason kaj asimilis ankaŭ la restantajn malmultnombrajn suomajn superulojn.

Dum la svedia epoko la sveda estiĝis la lingvo de lernejo kaj administracio en Suomio. Suomoj ricevintaj edukon kaj pozicion en la tiama societo iĝis svedlingvaj. Nur la kamparanoj kaj parto de la pastraro restis suomaj. Sama tendenco daŭris ankaŭ post 1809, kiam Svedio cedis Suomion al Rusio kaj Suomio estis aŭtonoma grandduklando estrata de la rusia caro.

Sed tiutempe komenciĝis, plejparte sekve de la tuteŭropa romantika movado, la nacia vekiĝo de suomoj kulminante en la jaroj inter 1830 ĝis 1860. J. W. Snellman, filozofo kaj adepto de Hegel, postulis ke la reganta klaso suomiĝu lingve, ĉar nur lingve unueca popolo povas formi vivkapablan ŝtaton. Parto de la supera klaso sekvis la admonon de Snellman, ekz. metante siajn filojn en ĵus ekigitajn suomajn lernejojn, dum alia parto identigis sin kun la sveda plebo de la marbordaj regionoj aŭ rigardis nur la svedan lingvon kulturkapabla kaj restis do svedlingva. Ekestis du partioj: suoma kaj sveda, kiuj akre interbatalis aspirante ankaŭ subtenon de la rusaj imperiestroj. La ĉefa celo de la suoma partio estis egalrajtigi la suoman lingvon kun la sveda, kaj tio realiĝis inter 1860 kaj 1880. Post 1899 la ekaperinta minaco de rusigo sordinis la interbataladon de suomoj kaj svedoj.

La iom post iom plimultiĝintaj suomaj lernejoj pliigis la suomlingvan edukitaron, kiu nombre superis la svedan. La asertoj de kelkaj svedoj pri netaŭgeco de la suoma por kulturo kaj administrado pruviĝis malpravaj.

Suomio liberiĝis de sub Rusio en 1917 kaj iĝis memstara respubliko. Ĝia konstitucio de 1919 diras ke la oficialaj lingvoj estas la suoma kaj la sveda. La komunumoj kaj urboj estas unu- aŭ dulingvaj depende de la loĝantaro. Alando, insularo en la margolfo inter Svedio kaj Suomio, komence de la kristana erao eklezie subiĝis al la Turkua diocezo kaj estas de tiam traktata kiel parto de Suomio. En 1918 Svedio volis havigi al si ĉi tiun insularon, kaj la alandanoj emis aliĝi al Svedio. Tamen la Ligo de Nacioj decidis la disputon favore al Suomio kondiĉe ke la alandanoj ricevu aŭtonomion kaj la garantion pri konservado de ilia sveda lingvo. Ambaŭ kondiĉoj estas plenumitaj.

En la jaroj inter 1920 kaj 1930 ekflamis ankoraŭfoje la lingvobatalo inter la suomaj

kaj svedaj studentoj. Temis pri la lingvo en la universitato de Helsinko, kiu tiutempe estis ankoraŭ ege sveda. La disputon finis kompromiso, kaj la nekontentaj ekstremuloj fondis du privatajn universitatojn en la urbo Turkuo: unu suoman sub la nomo "Turun Yliopisto" kaj unu svedan sub la nomo "Åbo Akademi".

Tiutempe ekzistis grupo da suomaj ekstremistoj, kiuj volis plene suomigi la landon, sed depost la dua mondmilito oni ne plu batalas inter svedoj kaj suomoj pro la lingvoj. Pri ia diskriminacio de la svedoj oni ne plu povas paroli. La sveda partio, kvankam ĝi estas malgranda grupo de ĉirkaŭ 12 parlamentanoj el 200, estas ege ŝatata kiel koaliciano, kaj ĝi kapablis tial ankoraŭ en la jaroj 1950 / 60 elpremi kelkajn novajn favoraĵojn por la svedoj, ekz. la devigan instruadon de la sveda lingvo por ĉiuj suomaj lernantoj.

La nombro de la svedlingvaj suomianoj (en 1970 Suomio havis 4.622.299 enloĝantojn, el kiuj proks. 340.000 estis svedlingvuloj) iom post iom malpliiĝis proporcie kaj dum la lastaj jaroj ankaŭ absolute. La plej gravaj kaŭzoj de tiu ĉi evoluo estas jenaj:

(1) La svedaj familioj ampleksas malpli da infanoj ol la suomaj.

(2) La ĉefurbo kaj kelkaj aliaj urboj situantaj en la svedaj distriktoj altiras multajn suomojn, kiuj kontribuas al pli forta asimiliĝo de la svedoj.

(3) Elmigras al Svedio proporcie pli da svedoj ol suomoj.

ERIK V. HERTZEN, HELSINKO

= = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = =

# La kataluna en Algero

En majo 1974 estis fondita en Algero (katalune: L' Alguer, itale: Alghero), Sardio, la asocio "Agrupació Cultural i Foklòrica Alguer 80". Ĝi laboras en diversaj sekcioj: ĝenerale kultura, socia, folklora kaj muzika. Oni planas organizi kursojn pri literaturo, lingvo, historio k. s.; oni jam aranĝas kursojn pri poezio kaj fotado. La muzika sekcio kolektos la erojn de la muzika tradicio de la kataluna loĝantaro de Algero kaj starigos, iam, popolan baledon. La asocio celas malfermi katalunan bibliotekon por la publiko. "Alguer 80" serĉas kontakton kun katalunoj kaj aliaj minoritataj grupoj tra Eŭropo.

En Algero vivas pli ol 30.000 homoj, el kiuj - laŭ informo de la menciita asocio - proksimume 18.000 parolas la katalunan lingvon, kvankam en iom "malklasikiĝinta" formo. La situacio - ĉiam laŭ la ĵus fondita grupo - estas tre malfavora, ĉefe pro la intensega influado de la itallingvaj amasmedioj kaj pro la nombre multe pli forta ĉirkaŭo sardlingva. La kataluna lingvo ne estas uzata en kiu ajn oficiala formo. Tamen ekaperis gazeto en la itala kaj kataluna.

La adreso de "ALGUER 80" estas:

AGRUPACIÓ CULTURAL I FOLKLÒRICA ALGUER 80"
Carrer Santa Barbara, 22, I - 07041 ALGUER

# NOVAĴOJ EL LAPONIO




Komence de 1974 eklaboris en la nordnorvega urbo Kautokeino la Lapona Instituto, kiu estas intencata kiel gvida organo (kvazaŭ akademio) por la lapona kulturo, kaj materia kaj intelekta. Ĝi estas finance subtenata de ĉiuj Nordlandaj Ŝtatoj: Suomio, Svedio, Norvegio. Danio kaj Islando, kvankam la du lastaj tute ne enhavas laponojn kaj partoprenas nur pro solidareco kaj pro sia komuna historio kun Norvegio.

La Lapona Instituto havas nun jenajn sekciojn: (1) vivtenado, ĉirkaŭaĵo kaj juro, (2) lingvo kaj kulturo, (3) instruado kaj informado. La oficistoj de la Instituto devas esti laponoj.

Dum la oka lapona kongreso, okzinta de la 26-a ĝis la 28-a de junio 1974 en la norvega urbo Snåsa, oni starigis, inter aliaj, lingvan komisionon. Ĝia tasko estas serĉi finan interkonsenton pri unueca ortografio por la nordlapona lingvo kaj labori por la propralingva instruado. Krome tiu ĉi komisiono devas prepari la vojon por laponlingva komunikado kun ŝtatoj kaj similaj instancoj.

Aktuala atingaĵo: En Norvegio aperis nova sudlapona legolibro, intencata ankaŭ por lerneja uzado. Dum la kongreso en Snåsa, situanta en sudlapona regiono ankaŭ la sudlaponoj havis sian apartan kunvenon por pritrakti siajn specialajn problemojn.

En Suomio aperis inari-lingva libreto, okaze de eklezia jubileo. Estas konstateble ke la inari-laponoj pli kaj pli interesiĝas pri sia propra lingvo.

ERIK V. HERTZEN, HELSINKO

<u>Notoj</u>:

1. En ETNISMO 5, p. 13 / 14, kaj ETNISMO 6, p. 4 ĝis 6, aperis referaĵo de E. v. Hertzen sub la titolo "Minoritato en kvar regnoj - La laponoj batalas por siaj rajtoj".

2. Laŭdire, en kelkaj lingvoj, la vorto "lapono" alprenis malestiman tonon. Ĉu necesas, en la Internacia Lingvo, transiri al "sameo" aŭ "sabmo"?

3. En la supra skizeto, la haĉita spaco signifas ke proksimume tie loĝas laponoj. Kompreneble, samloke troveblas ankaŭ alietnanoj.

# LA LINGVA SITUACIO EN NORVEGIO

(Laŭ C. Støp-Bowitz, Oslo)

El la pranorda lingvo, kiu estis branĉo de la nordĝermana, iom post iom evoluis tri lingvoj: la norvega, sveda kaj dana. Tiel statis en la vikinga epoko (ĉirkaŭ 800 d. n. e.). La islanda lingvo nun ankoraŭ ege similas la pranorvegan kaj la feroa lingvo troviĝas ie inter la okcident-norvegaj dialektoj kaj la islanda.

En 1319 Norvegio uniiĝis kun Svedio kaj en 1380 kun Danlando. La unio kun Danlando daŭris ĝis 1814. Tiun epokon iuj poetoj malice nomas "400-jara nokto". Tiutempe la dana lingvo estiĝis la oficiala lingvo de Norvegio, kaj la popolo kutime prononcis ĝin norvegece. En la kamparo ĉiukaze pluvivis la originaj norvegaj dialektoj. Post unio kun Svedio (1814 - 1905) Norvegio definitive suvereniĝis. Iomete antaŭ la sendependiĝo estis fondita la universitato de Kristiania / Oslo.

Dum la 19-a jarcento iuj naciromantikuloj, inter ili la poeto Ivar Aasen, volis revivigi la vikingan lingvon surbaze de la lingvaĵo de foraj vilaĝoj. Tiuj revivigantoj sukcesis enŝoviĝi inter la politikistojn kaj ..... ilia kreitaĵo "Landsmål" (t. e. "kampara lingvo") samrajtiĝis kun la oficiala lingvo. En 1897 oni komencis ortografie adapti la oficialan lingvon "Riksmål" (t. e. "regna lingvo") al la prononcado. Tiun reformon oni finis en 1917. En 1928 oni eknomis la antaŭan "Landsmål" "Nynorsk" (t. e. "nov-norvega"), kion ĝiaj adeptoj akceptis, kaj la antaŭe nomatan "Riksmål" oni baptis "Bokmål", kion la popolo ĝenerale N E akceptis.

Sen eniri la detalojn de la skandinaviaj lingvoj, ni atentigas pri la fakto ke kaj la dana kaj la sveda kaj "Riksmål" estas tre simpligitaj el gramatika vidpunkto. Sed "Nynorsk" konservas (oni devus diri: r e k r e i s ) ĉiujn malfacilaĵojn.

Kvankam tiu nov-norvega lingvo estis parolata neniam de pli ol 10 % de la loĝantaro, ĝiaj adeptoj estis tre influhavaj. En 1938 lingva komisiono publikigis reformprojekton por la ĝenerala lingvo, do por "Riksmål". Tiu reformo celis enkonduki plurajn malnovigajn elementojn. Dum la dua mondmilito ne okazis ia evoluo sur la lingva kampo. Sed poste oni vidis en Norvegio 3 lingvojn: "Nynorsk", kiun parolas maksimume 10 %, "Bokmål" (t. e. "librolingvo"), kiun uzas lernolibroj kaj oficialaj dokumentoj kaj kiun preskaŭ neniu parolas, "Riksmål", kiun parolas 90 %. Jam dekmiloj da gepatroj konkrete batalis kontraŭ tiu ne-parolata oficiala lingvo de la lernolibroj: Ili tutsimple korektadis la tekstojn! Ĉiuj komunumoj povas nun elekti sian lernejan lingvon, sed inter "Nynorsk" kaj ..... "Bokmål". Oni konstatas mirigan lavangon da transiroj al tiu ĉi, tiel ke nur proksimume 5 % elektis la nov-norvegan. Ĝenerale, la politika mezo (liberaluloj) estas adeptoj de "Nynorsk", dum la konservativuloj pledas por "Riksmål" kaj la socialistoj estas dividitaj, sed plimulto defendas la nov-norvegan. - Ĵurnaloj estas skribitaj preskaŭ ekskluzive en "Riksmål", malofte en la senviva "Bokmål". Radioparolisto, kiun oni volis devigi paroli en "Bokmål", sukcese procesis. En la parlamento oni parolas ĉefe en "Riksmål", kelkaj depitoj imagas paroli en "Bokmål", kaj malmultaj uzas "Nynorsk".

\+ + + + + + + + +

Raporto de d-ro Pavel Apovnik (Völkermarkt / Velikovec, Aŭstrio) por la jarĉefkunveno de A.I.D.M.L.K. en Ustaritz (Francio)

# SLOVENOJ EN KARINTIO (AŬSTRIO)

La aktualan situacion de la karintiaj slovenoj karakterizas la fakto ke, unuflanke, la federacia registaro de Aŭstrio intertraktadas kun la slovenoj pri la efektivigo de la rajtoj fiksitaj en artikolo 7 de la t. n. ŝtatkontrakto de 1955 kaj, aliflanke, deputitoj en la federacia kaj provinca parlamentoj faras deklarojn kiuj ne supozigas pretecon solvi la problemojn. Tiel, ekzemple, la deputito Deutschmann, de la konservativa kristana "Aŭstra Popol-Partio", diris la 12-an de julio en la parlamento: "Ni ne volas havi la [du-lingvajn] nomtabulojn de komunumoj [en suda Karintio]." La slovenoj suspektas ke ĉi tiu partio kaj la "Liberala Partio" proponas leĝon pri konstato de la nombro de minoritatanoj por demonstri kiel grandanime la plimulto traktas la malplimulton: La slovenoj timas teruradon, precipe fare de la ekstremula "Karintia Hejmlanda Servo" kontraŭ la ne-germanlingva enloĝantaro, tiel ke multaj slovenoj neus sian ali-etnecon.

Jen tipaj ekzemploj de la sinteno de la germanlingvuloj en Karintio: Kiam la Kristana Kulturasocio de Klagenfurt / Celovec petis, por slovena korusa koncerto, la komunuman salonegon de Völkermarkt / Velikovec, la kompetenta urbestro neis. Kiam slovena kulturgrupo de la sama urbo planis folkloran vesperon, dum kiu ankaŭ kroatoj el la provinco Burgenland (Aŭstrio!) kontribuu, la sama urbestro denove neis la salonegon. Kiam la slovenaj membroj de la urba konsilantaro de la du-lingva Bleiburg / Pliberk proponis afiŝi pri la ĉiujara tradicia popola festo ankaŭ en la slovena, la konsilantara plimulto rifuzis. Kiam, la 7-an de junio, eksplodaĵo apenaŭ menciinde gratis la "Domon de la Hejmlando", kiu apartenas al kontraŭslovenaj organizaĵoj, oni disdiradis ke la slovenoj kulpas tiun atencon kaj ke temas pri ero de agitado kontraŭ la subĉiela manifestacio de la "Karintia Hejmlanda Servo", okazonta la 9-an de junio, en la 5 km fora Eberndorf / Dobrla vas. Dume oni ne sukcesis kapti la kulpulon kaj densiĝas suspektoj ke la atenco estis "mendita" por povi propagandi kontraŭ la slovenoj.

La t. n. studkomisiono de la federacia kancelierejo prezentis unuan raporton, kiu rekomendas "specialan popolnombradon", do konstaton de la nombro de minoritatanoj. Antaŭvidante tian rezulton, la slovenoj dekomence rifuzis kunlabori tiukomisione. Kontraŭe, ili ja partoprenas en la agado de la t. n. kontakto-komitato. Sed la kanceliero Kreisky mem konstatis ke ankoraŭ tiom da demandoj estas neresponditaj ke la tempo ne estas matura por agoj (t. e.: por efektivigo de la minoritataj rajtoj!). Klarvorte tio signifas ke la registaro timegas perdi voĉojn en la balotoj de printempo aŭ aŭtuno 1975 inter la german-aŭstristoj.

Malgraŭ ĉio ĉi la oficialaj reprezentantoj de Aŭstrio klopodas, ĉe Uniĝintaj Nacioj, ĉe la internacia konferenco pri minoritatoj en Triesto, ktp. ŝajnigi ke Aŭstrio rigore plenumas kontraktojn .....

(Redakcie koncizigita.)

# CHENGEY NY MAYREY ELLAN VANNIN

## LA PATRINA LINGVO DE LA MANKS-INSULO

La Manks-insulo ampleksas 588 kvadratajn kilometrojn, situas en la Irlanda Maro, proksimume 54° 15' n. kaj 4° 30' ok., kaj havas iom pli ol 56.000 enloĝantojn. La ĉefurbo estas Duglaso (Douglas). La insulo estas ekstreme aŭtonoma (kun propraj parlamento kaj registaro), ne apartenas al la Unuigita Reĝlando de Grandbritio kaj Norda Irlando, sed estas ligita rekte al la angla reĝ(in)o. La angla superrego datas de la 14-a jarcento.

La manksa lingvo apartenas, kune kun la gaela (skota) kaj irlanda, al la goidela (aŭ "q"-) grupo de la keltaj lingvoj, kontraŭe al la kimra, kornvala kaj bretona, kiuj konsistigas la britona[n] (aŭ "p"-) grupo[n]. Nur en la 15-a aŭ 16-a jc. la orienta branĉo "disfalis" en la gaelan kaj la manksan lingvojn.

La unua konata teksto manksa datas de la unuaj jaroj post 1600, sed ĝi estis presita maljam en 1894: traduko de la "Libro de Ĝenerala Preĝo". La manksa literaturo estas sufiĉe modesta, kaj ĝi konsistas precipe el religiaj verkoj, kvankam ja ekzistas ankaŭ aliaj.

En la 16-a kaj 17-a jc. troveblis apenaŭ personoj scipovantaj la anglan lingvon, sed en 1901 konstateblis nur 4.419 homoj (el 55.000 enloĝantoj) kiuj parolis la manksan, kaj en 1961 oni nombris 165 manksparolantojn, el kiuj tamen nur manpleno estis denaske mankslingvuloj.

Komence de la 19-a jc. la manksa lingvo perdis siajn radikojn en la popolo: La gepatroj ne plu instruis ĝin al siaj infanoj, en tribunaloj, preĝejoj kaj administracio oni ne plu uzis la manksan, kaj estis nur kamparanoj el malproksimaj vilaĝoj kaj fiŝistoj (tiuj ĉi eĉ por paroli kun siaj kolegoj el la pli grandaj insuloj) kiuj pluutiligis la manksan. Ĝenerale, ĝi estis malestimata kiel "maldelikata", socie malaltranga lingvo, de kiu unue la Duglasaj burĝoj kaj poste ĉiuj "kulturemuloj" forturnis sin.

En 1899 oni fondis "YN CHESHAGHT GHAILCKAGH", la "Societon por la Manksa Lingvo", kiu eldonadas manksajn tekstojn, surbendigas la parolatan lingvon kaj certagrade re-formis ĝin proksimigante ĝin iel al la malnova biblia manksa kontraŭ la degeneraĵoj de la pasinta jarcento. Nun, t. e. depost la dua mondmilito, oni instruas la manksan en vesperaj kursoj kaj en kelkaj lernejoj. La hodiaŭaj protagonistoj de la revivigo de la propra lingvo kie ajn parolas ĝin kaj demonstras sian lingvokonon per la "Fainey"- (t. e.: ringo-)insigno. La manksa lingvo etgrade denove aŭdeblas surstrate, en preĝejoj, kontoroj kaj - precipe - en bierejoj.

(Laŭ artikolo kaj persona informo de Adrian J. Pilgrim, sekretario de YN CHESHAGHT GHAILCKAGH, "Diura", 31 Glen Vine Park, MAROWN, Manks-insulo.)

# *¡Català a l' escola!*

LA KATALUNAN EN LA LERNEJON!

"La Vanguardia Española", ĵurnalo de Barcelono, raportis la 21-an de junio 1974 pri aspektoj de la aktuala situacio de la instruado pri la kataluna lingvo en lernejoj kaj en la du barcelonaj unversitatoj. Jen ni resumas:

Dum la lernojaro 1972 / 73, en Santa Coloma de Gramanet (situanta tuj norde apud Barcelono), oni instruis 8.000 - precipe kastiliparolantajn - gelernantojn pri la kataluna, en la sekvanta jaro 4.000 infanoj de la barcelonaj kvartaloj Sants, Hostafranchs kaj Zona Franca havis la eblecon studi tiun ĉi lingvon dum du lecionhoroj ĉiusemajne kadre de la normala horaro. Kontraŭe al la eksperimento de Santa Coloma, en la dua kazo temis pri pli-malpli ekvilibra nombro de katalun- kaj kastiliparolantoj en 24 ĉu ŝtataj, ĉu privataj , ĉu eklezIaj lernejoj. El 11 aliaj lernejoj venis negativa respondo al la propono, kaj 4 volis iri alian vojon. La motoro de ambaŭ eksperimentoj estis la "Sekcio pri Instruado de la Kataluna" de la jam plurfoje en ETNISMO menciita "Òmnium Cultural". Efektivigis la instruadon 20 ekzamenitaj instruistoj. La raportisto insistis pri la plorigа stato de la elementlerneja instruistaro en Katalunio (ĉi tie oni celas la kvar provincojn Ĝirono, Barcelono, Ljedo kaj Taragono, do ne la tutan lingvoteritorion): 50 % tute ne parolas la katalunan, kaj nur 9 % asertas scipovi skribi ĝin korekte. - Kiu pagas? La urbestraro de Barcelono estis promesinta doni 250.000 pesetojn (proks. 12.000,- gm / ng), sed ĝis la fino de la eksperimento NENION pagis. Do, pagis la tuton "Òmnium Cultural". La efektivaj kostoj de la kurso ampleksis pli ol 100.000 pesetojn. - Oni planas etendi la instruadon al aliaj kvartaloj de la kataluna ĉefurbo.

Por la universitatoj ekzistas certa dilemo: Alvenas studentoj kiuj volas sekvi la unuan katalunan kurson <u>sen</u> partopreninti mezlernejan kurson, kaj la universitato devas konservi sian altan nivelon. Profesoro Joan Solà, intervjuita de la ĵurnalisto, konstatis ke ĝenerale la abiturientoj ne estas adekvate preparitaj por la universitataj studoj, tiel ke similajn mankojn oni sentas en aliaj fakultatoj. - En 1972 / 73 proksimume 1.800 studentoj sekvis ĝeneralan aŭ specialan kurson pri la kataluna en la centra universitato de Barcelono, sed en 1973 / 74 estis nur 300. La surpriza diferenco inter du sinsekvaj jaroj kompreneblas sub konsidero de jenaj faktoj: (1) En la antaŭa jaro oni proponis katalunan kurson al ĉiuj studentoj de la tiama filozofia fakultato, en la dua jaro nur al tiuj de la nova filologia fakultato. (2) Laŭ la nova studplano, nur tiuj ekokupiĝas pri la kataluna kiuj intencas bakalaŭriĝi pri ĝi. - Dum antaŭe 7 % de la katalun-studentoj estis kastili-parolantoj, nun temas pri maksimume 3 %, pro la dua menciita kaŭzo.

+ + + + + +

C e t e r e ..... se vi serĉas lernolibron, vortarojn aŭ literaturon rilate la katalunan lingvon, postulu informojn ĉe la redakcio de ETNISMO, kiu disponas pri kelkaj titoloj kaj liveras ĉiujn disponeblajn verkojn. La prezoj estas tre modestaj, laŭ honesta kurzo.

# LASTAJ NOVAĴOJ

AMSTERDAMO. En la nederlanda ĉefurbo okazis la ĉi-jaraj JOCS FLORALS DE LA LLENGUA CATALANA ("florludoj de la kataluna lingvo"), de la 11-a ĝis 13-a de oktobro. Ĉirkaŭ la ĉefa programero - la disdono de la premioj aljuĝitaj por literaturaj konkursaĵoj - ariĝis aliaj manifestacioj: pluraj koncertoj pri la tipe kataluna danco, la sardano, ŝippromenado tra la graĥtoj, akcepto ĉe la urbestro, festmanĝo k. a. Ĉeestis sume 400 personoj (inkluzive nederlandanojn), kaj okazis libroekspozicioj en librovendejo, en universitata instituto kaj en gimnazio.

IRUNJO (PAMPLONO). La ĉefepiskopo de tiu ĉi urbo publikigis, ĉi-aŭtune, regularon pri la uzado de la eŭskera lingvo en eklezaj aferoj. Gravas konstati ke la eklezio konsideras nun oficialaj ĉiujn atestilojn, komunikojn ktp. eŭskerajn kaj mem publikigos ĉiujn dokumentojn de sufiĉa signifo en la kastilia kaj eŭskera. Evidente, diras la teksto, en komplete eŭskerlingvaj paroĥoj la liturgio devas esti eŭskera, kaj oni apelacias al la ne-eŭskeroj en plejparte eŭskeraj paroĥoj, kie estos donata prefero al la eŭskera liturgio, ke ili akceptu la faktojn kaj rajtojn de la eŭskerlingvuloj pri propralingva diservo. En paroĥoj kun klara malplimulto de eŭskerlingvuloj oni tamen studu la eblecojn por doni al ili almenaŭ certan porcion da eŭskerlingvaĵoj. La samaj reguloj validas por la katekisma instruado kaj por eklezaj lernejoj.

BARCELONO. Komence de novembro estis fondita, ie proksime de la kataluna ĉefurbo, nova social-demokrata kataluna partio, kiu - supozeble - ideologie kunlaboros kun la antaŭe fondita hispana social-demokrata partio. Oni deklaris ke demokratiiĝo en Hispanio estas malebla dum vivas ankoraŭ la 81-jara ŝtatestro generalo Francisco Franco.



ETNISMO - informilo pri etnaj problemoj

Eldonanto kaj responsa redaktoro: Uwe Joachim Moritz, Feldstr. 38, D - 519 STOLBERG 8 (FR Germanio), tel.: 49 - 2402 - 72336; poŝtĝirkonto: 23 26 12 - 306 Hannover; kotizo por 1974: 5,-- gm (ankoraŭ disponeblas kelkaj ekzempleroj de n-ro 6; n-ro 8 aperos dum decembro).